# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO




**Oficiala organo de T.A.G.E.**

16-a jaro. No. 4-a. 1937-a



# Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

# Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.
kaj:
**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Tritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

16-a jaro (Numero 4) 1937.

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktoro:** E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto:** P. KORTE. Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
**Prezidanto de TAGE:** Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan 19 Karlskrona, **Svedujo.**
**Sekretario:** K. H. SPORTEL. **Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. **Veendam** (Nederlando).

## Karaj legantoj!

Lastfoje vi pristudis la polan numeron, jen la sveda!

Redaktante ĉi-tiun numeron mi volis eviti ĉiun kopiadon. La poloj celis doni al vi kiel eble plej kompletan bildon de ilia tuta instruado kaj edukado. Mi elektis alian vojon: mi provis doni al vi kelkajn momentkaptojn el diversaj flankoj de la sveda edukada sistemo. Eble sistemo estas maltaŭga vorto, ĉar mi tute ne agis sisteme! Mi petis artikolojn de kelkaj famaj pedagogoj el nia lando, kaj jen la rezulto! Mi tre ŝatus, se vi ne estus kontenta sed dezirus pli da sciigoj pri ni kaj niaj lernejoj. Legu atente nian revuon, kaj vi certe ricevos tion, kion vi deziras.

Kaj nun, karaj gekolegoj el ĉiuj landoj! Ek al la konkurso! Polujo komencis, Svedujo sekvis, kiu estos la tria lando, al kiu ni povos dediĉi specialan numeron?

Laŭ la sciigo de nia administranto, ni certe ne povos eldoni pli da naciaj numeroj ĉi-jare, sed bonvolu ĝustatempe prepari vin por 1938! Eluzu ĉiujn okazojn, bombardu la registarojn kaj la eminentulojn de via lando, kaj vi certe sukcesos kiel ni, poloj kaj svedoj, jam sukcesis!

Do, ek al la legado, la skribado, la varbado!

Samideane via

Bj. Beckman.

P.S. Se iu el vi vizitos ekz. la Siljanlernejon, bonvolu mencii nian revuon! Bona propagando kaj ne tro streĉa! L.S.

---

## La spirito de la svedaj gimnazioj.

Profesoro Nat. Beckman, la patro de nia prezidanto, multfoje en lertaj kaj viglaj artikoloj pritraktas aktualajn pedagogiajn problemojn. Malgraŭ liaj 70 jaroj lia intereso ankoraŭ ampleksas la plej diversajn temojn, sed sian plej fervoran amon li dediĉis al la svedaj gimnazioj, precipe tiu en la malgranda urbo Skara, kies historion li skribis.

La svedaj gimnazioj en malnovaj tempoj estis pli demokrataj ol tiuj de aliaj landoj. Ili situis en la malgrandaj eparkiaj urboj, kien

precipe kamparanoj kaj ofte malriĉaj pastroj sendis siajn filojn, dum la nobelaro havis privatinstruistojn por siaj filoj. Publika instruado por knabinoj ne ekzistis. Sed la instruado de la knaboj estis senpaga, jes, diligenta lernanto povis akiri permeson enkasigi kontribuojn por siaj studoj en certa distrikto. Estis ja mezo inter kolektado de impostoj kaj pura almozpetado.

La gimnazion estris la episkopo, kaj la plej eminentaj instruistoj, la „lektoroj" helpis lin estri la eparkion. Tiuj oficistoj estis la senkompare plej altrangaj en la urbeto, sed ankaŭ la lernejanoj estis tre gravaj personoj. En urbeton kun 800 loĝantoj iam enfluis ĉe la komenco de la lernejaj semestroj aro da junuloj kun freŝaj voloj kaj je nombro de 400—500. Oni ne devas miri, ke la burĝoj iam plendis, ne pro la petolemo de la lernantoj, sed pro ilia — tiraneco.

La lernejanoj loĝis en treege simplaj loĝejoj, kaj malofte ili povis pagi sian manĝaĵon per mono. El la hejmo aŭ el la almozpetadaj migradoj ili kunprenis grandan provizon da manĝajo, kaj kuiristino devis prepari el seka karno aŭ alia materialo iliajn simplajn manĝojn. Kaj en kelkaj urboj la disĉiploj ankoraŭ en la mezo de la 19-a jarcento devis sidi en nehejtitaj klasĉambroj.

Sed iam la gimnazianoj povis esti utilaj. La komuna mizero kreis solidarecon, similan al tiu de la nuntempaj sindikatoj. Neniu devis suspektigi kamaradon antaŭ la instruistoj, neniu devis esti malhumila kontraŭ la kamaradoj, se li estis malpli malriĉa aŭ pli bone vestita ol ili. La konkordo montriĝis bele je diversaj okazoj, ekz. kiam brulego eksplodis en la urbeto. Ankoraŭ en la jaro 1870-a oni ĝenerale opiniis, ke la lernantoj savis la eparkian urbeton Skara de minaca brulakcidento. La knaboj rapide agis, kaj ili tuj sciis, kiu estis ilia gvidanto. Sed tiu gvidanto ne estis instruisto, sed unu el la pli maljunaj knaboj.

En malnovaj tempoj ĉiuj gimnazianoj intencis fariĝi pastroj. „Mallerta lernanto, kiu ne intencas fariĝi episkopo", diras la proverbo. Kaj la popolo nomis ilin „djäknar", t.e. diakonoj. Certe, oni aranĝis ankaŭ specialan lernejon por tiaj, kiaj intencis sin dediĉi al la komerco, sed ĝi neniam sukcesis bone.

La supre nomitaj cirkonstancoj multe ŝanĝiĝis. Novaj sciencoj enpenetris en la lernejon, precipe la natursciencoj konkursas kun la fakoj de la malnova latinlernejo. La gimnazioj nun estas vizitataj de infanoj el ĉiuj klasoj kaj ambaŭ seksoj. Kaj nur malmultaj celas la pastran oficon. Multaj volas fariĝi oficistoj, kio en Svedlando estas treege aspirata pro tio, ke la ŝtataj oficistoj havas multe pli sekuran estonton ol personoj en privata servo aŭ alilandaj oficistoj. Svedan oficiston oni nur povas eksigi, se tribunalo kondamnis lin pro gravaj oficaj eraroj. Kaj eĉ se oni opinias lian laboron nenecesa, li devas konservi sian ofte tre modestan salajron. Tamen, la lernejo, kies originala tasko estis prepari por universitataj studoj kaj poste por

ŝtataj oficoj, nuntempe estas vizitata ankaŭ de multaj personoj, kiuj poste sin dediĉos al aliaj okupoj, komercistoj, inĝenieroj k.t.p. Dum la lastaj jaroj kreskantaj aroj da knabinoj enmarŝis en niajn lernejojn. Multaj el ili certe poste fariĝos mastrinoj. Ŝanĝitaj sociaj cirkonstancoj ankaŭ kaŭzis, ke la gejunuloj nuntempe loĝas malpli modeste ol la lernantoj de malnovaj tempoj. Ili plej ofte loĝas en hejmo en la lerneja urbo, eĉ se ili devas esti pagantaj gastoj en tre simpla hejmo.

Kompreneble oni ne tute simple povas supozi, ke tiu instruado, kiu originale estas destinita por estontaj oficistoj, en ĉiuj okazoj devas esti la plej bona kiel preparo por ĉiuj okupoj, al kiuj povas sin dediĉi tiuj gejunuloj. Oni ankaŭ faris multajn deziresprimojn kaj proponojn pri ŝanĝoj, ofte treege konvinkaj. Certe multaj ŝanĝoj estos necesaj.

Sed en kelkaj rilatoj ni povas deziri, ke la malnova tradicio estu konservota. Estis pli kutima en Svedlando ol en la plej multaj aliaj landoj, ke knaboj el malriĉaj hejmoj dank' al la preskaŭ senpaga instruado en la ŝtataj lernejoj kaj la multaj subtenoj, kiujn donis al ili privatpersonoj aŭ diversaj fondusoj, povis akiri influriĉajn oficojn en nia socio. Certe ni deziras, ke tiu bona tradicio, tiu demokrata spirito estu konservata ĝis venontaj tempoj.

NAT. BECKMAN.

---



Neforgeseblaj estas la impresoj, kiujn donas al la turisto la melankoliaj, dezertaj pejzaĝoj de Laplando kun siaj allogaj montoj kaj malhelaj, profundaj lagoj. Jen la lago Laidaure.

# Socipedagogia reformlaboro.

La direktoro de la Siljanlernejo Harald Alm ĉi-sube priskribas sian laboron laŭ prononcite modernaj principoj. Liaj ideoj indas atenton ankaŭ en fremdaj landoj kaj estas honoro por I.P.R. peradi la komprenon de liaj sugestoj.

La renversaj okazintaĵoj de nia tempo ĝisfunde skuis nian pedagogion kaj edukadon. Longtempe pedagogio estis samsignifa kiel didaktiko, la arto enbati kursojn — malgraŭ la kritiko kontraŭ tia unuflanka percepto de konataj pioniroj, en Svedujo ekz. Ellen Key kaj Eneroth. Ankaŭ la tiel nomita novpedagogio volonte dekadencis al simila partieco. Ĝia precipa intereso ĉiam estis novaj instrumetodoj. Sed kiam sociordoj estas renversataj kaj novaj aperas rapidserie, la pedagogo estas devigata al pli ĉiaflanka ekzamenado ol kutime. En akra lumo tiam prezentiĝas la limoj de ĉiu edukado per scio kaj la fakto, ke neniel ekzistas iu ŝtate konfirmita kaj ĉiam valida ŝablono por la traktado de la lernanto. La pedagogo devas eliri de kiel eble plej universala scio pri la fundo de l'ekzisto de individuo, popolo, homaro. La ĉefa penado, kiu devas animi nian lernejon kaj nian instruadon, povas esti resumata en du aspektoj.

La unua estas **la aspekto de la tutaĵo.** Laŭ la postuloj de Pestalozzi devas okazi konkorda perfektiĝo ĝis la plej alta potenco de la korpaj, intelektaj kaj emociaj fortoj de la infano. La manko de tia edukado estas precipe la granda eraro de pasintaj epokoj.

Sed la tutaĵo ne devas fariĝi memcelo. Ĝi eĉ ne estas ebla kiel memcelo. Estaĵo nur povas sperti sin mem kiel unuaĵo kaj tutaĵo rilate al alia unuaĵo kaj tutaĵo, alia estaĵo. Tiu alia aspekto ŝajnas esti sufiĉe fremda por nia epoko, precipe kiel realaĵo en la ĉiutaga vivo. Ĝi ŝajnas, strange, esti la plej malfacila, kiam temas pri efektiviĝo en konkreta edukada laboro.

Ĝi kondukas al la postulo pri la malgranda eduka kunligo — almenaŭ por la infanoj ĝis la pubereco — tia malgranda kunligo, kiu estas tiel malestimata en nia tempo. Gepatroj, instruistoj, edukantoj, sociaj laborantoj, ne parolante pri ĉiuj aliaj, tiuj, kiuj en nia epoko posedas monon, pozicion, „potencon", ili rifuĝas kvazaŭ panike en la grandon. Ŝajnas, ke ili kredas, ke se ili nur troviĝos inter la muroj de tiu grando, okazos miraklo, eĉ se po ĉiu individuo sentas, ke li agis malprave.

Cetere la homoj de nia tempo, pensante industrie, racie kaj ekonomie, opinias: same bone kiel instruisto parolas al 5 aŭ 10 infanoj, li povas paroli al 30, 40 kaj pli multaj; la lasta aranĝo estas pli malmultekosta. Kuiri manĝaĵon kaj konstrui domojn al 200—300 estas proporcie malpli multekosta ol al 10 aŭ 20 k.t.p. Se ni povus solvi la problemojn de la edukado nur tiamaniere, ke la voĉo de la instruisto atingas la lernantojn, nur per nutrado aŭ nur per tio, ke oni tenus ilin



Professor Adler kun siaj aŭskultantoj.

inter kvar muroj, tio certe estus prava. Sed ĉar edukado ne estas ebla, se la edukanto ne rilatas individue al ĉiu infano kiel korpo-psika tutaĵo, la procedo estas treege malekonomia. Ĉar ĝi estas esence malproduktiva. Ni atingas kromproduktojn, sed neniun vivokapablan tutprodukton — kiom tiu dependas de nia edukada laboro! Ĉar estaĵo ne povas persone rilati al individuoj, vivantaj en pli granda kunligo ol tiu, kiu ĝi mem povas superrigardi. La superrigarda inteligento kaj la emocia portokapablo ĉe la infano kompreneble estas malpli granda ol ĉe la plenkreskuloj. Metante tro frue la infanojn en grandajn edukajn kunligojn, ni krevigas ilian socian inteligenton kaj troŝarĝas, sufokas ilian socian emocikapablon. Ordinare ankaŭ la instruisto ne sentas sin kapabla peti infanon fari ion, labori, fariĝi kapabla homo nur pro tio, ke li ŝatas la estaĵojn, en kies komuneco li vivas. La fortofonto de la sindono kaj la amo plej ofte estas sekiĝinta, fermita, malestimata aŭ nekonata. Li nur povas instigi la infanon pripensi sian propran estonton, fari ion pro si mem, tute simple apelaci al la egoismo kiel la plej malsekigebla, ple elementa, plej profunda fortofonto.

Tiu paradoksa maniero solvi nian edukan problemon transiĝas al egale paradoksa maniero solvi la problemojn de nia asocia, socia, labora popolkomuneca vivo. Niaj asocioj, organizoj, laborgrupoj kaj socioj ĉiam malpli fariĝas lokoj, kie homoj komune vivas kaj laboras pro tio, ke ili individue ŝatas kaj amas unu la alian. Ne, se tiuj, entute estas kuntenitaj, tio okazas pro la kredo, ke la diversaj individuoj, kiuj inter si ofte malfidas, timas kaj eĉ malamas unu la alian, tamen estas identaj kun unu sama kolektiva grando. La respektigo kaj egoismo de la individuo, monstre nutrita per la edukado, estas kontentigita per tio, ke la individuo iluzie spertas sin mem kiel identa kun iu kolektiva grando. Al tiu estas transigata la respektigo kaj egoismo de la individuo, kaj la malsocia strukturo de la kolektiva grando montriĝas en ĝia malkapablo kunlabori kun ĉio, kio ne povas esti aŭ esti aprobata kiel identa kun ĝi — en ĝia batalemo kaj antitezemo kontraŭ ĉio alia.

Estas tiu tekniko por formado de komuneco, kiu superregas la landojn de la Okcidento, kiu plej profunde kaj tute prave kaŭzas ĉe la homoj tian angoron pro la estonto kaj tian senton da soleco en la vivo. Neniu asocio estas solida, konservebla, ekde la kunligo de viro kaj virino en la edzeco ĝis la kunligo de la homaro en ligo de nacioj, se ĝi ne eliras de tio, ke la individuoj devas tutaĵe rilati unu al la alia, ke ili devas individue ami unu la alian.

Manko de religio estas, oni diras, la ĉefa manko de nia epoko. Kaj prave. Nur ke la religio ne signifu la kredon al absoluta, ĉion gluptanta potenco — estas la malo de religio — sed la spertadon de la individuo pri si mem kiel tutaĵo kaj unuaĵo en la religio, en kunligo kun alia estaĵo aŭ aliaj estaĵoj kiel tutaĵoj kaj unuaĵoj.

Tiu alia aspekto tial estas *la religia aspekto, la aspekto de la amo.* Tiu aspekto tamen nepre kondukas al la kredo pri la malgranda hejmo kiel la ideala kaj neevitebla eduka unuaĵo. Infanlernejo, kiu ne sin organizas kiel hejmo aŭ grupiĝas ĉirkaŭ la hejmo kiel centro, estas malproduktiva, jes, kun la tempo, detrua. Antaŭ la rekonataj aŭtoritatoj de la estinto kaj antaŭ la granduloj de la estanto, la malgranda agado aperu malestiminda, sensignifa, ridinda. Por la edukanto unu afero devas persisti: daŭra ŝanĝo, evoluo, pliboniĝo de la homoj neniam povas ekzisti sen ĝusta edukado. Same maleble kiel veni al suda loko, sidiĝante en vagonaro, kiu iras norden, nur tial ke ni vidas „ĉiujn aliajn" uzi tiun trajnon, same maleble estas atingi la regnon de l' estonto, uzante malĝustajn vojojn. La edukanto devas respondi ne nur antaŭ la tribunalo de la prapatroj, ne nur antaŭ la ŝtataj aŭtoritatoj, eminentuloj kaj moŝtoj de nia propra epoko, li precipe devas respondi antaŭ venontaj generacioj kaj antaŭ la regno de l' estonto. Kaj gvidanto povas esti kiel ajn granda kaj sole reganta en la regno de l' estanto, — gvidanto en la regno de l' estonto li neniam fariĝos, se li ne humile kliniĝas en vereco kaj amo antaŭ la eta, sendefende babiletanta infano.

Tiuj vidpunktoj estas la gvidmotivoj de la aktiveco de la Siljanlernejo. Ĝi volas efiki kiel fermento por ke tiuj vidpunktoj estu vivigataj en la pedagogio, la lerneja vivo kaj la edukado entute. Pro tio ĝi laboras parte rekte inter infanoj, parte inter plenkreskuloj, precipe tiaj, kiaj prizorgas infanojn: instruistoj, edukantoj, gepatroj, sociaj laborantoj.

La aktiveco inter infanoj siaflanke estas duspeca.

Dum la somero la lernejo formas praktikan somerlernejon aŭ hejmon por lerneja sporto laŭ modelo de la someraj tendaroj en Usono. Ĝi celas racie utiligi la longajn svedajn somerlibertempojn por tiuj lernantoj, kiuj dumvintre loĝas en siaj hejmoj kaj vizitas taglernejojn, precipe la infanoj kaj gejunuloj el la urboj. Ili ĉi-tie ricevas kamparan vivon anstataŭ urban vivon. Ili ricevas praktikan laboron kaj plenaeran vivon anstataŭ la apudfornan, sidan intelektan laboron. La praktika laboro ne en la unua vico celas instruadon sed socian produktadon, t.e. celas rezultojn, signifoplenajn por tiu komuneco en kiu la infanoj vivas. La infanoj, kaj knaboj kaj knabinoj, tial devas kunhelpi en kuirejo kaj ĝardeno, per kulturadaj laboroj k.t.p. Anstataŭ la ofte tro longa labortempo dum la vintro ili ankaŭ ricevas abundan tempon por ludo, sporto, bano k.t.p. La tago estas interrompata per silenta horo. Tiu „lernejformo" tial volas esti komplemento al la kutimaj, intelektaj taglernejoj.

Dumvintre la lernejo estas hejmo por infanoj, kies gepatroj vivas eksterlande, estas mortintaj aŭ pro aliaj kaŭzoj ne povas doni al la infanoj ĝustan hejmon, aŭ por infanoj, kies antaŭa medio minacis ilin



Kunvena ĉambrego en la Siljanlernejo.

malfortigi, malakceli, tordi. Intelekta lernejlaboro, praktikaj hejmtaskoj, ludo, plenaera vivo kaj familia kunestado estas ĉi-tie kunplektitaj al ĉiuflanka hejmvivo, kie ĉiu infano kiomeble ricevas nutraĵon kaj evolueblecon al sia plej bona karaktero en individue socia komuneco kun pli junaj, samaĝaj, pli aĝaj kaj plenkreskaj personoj.

La aktiveco inter plenkreskuloj estas resumata sub la nomo „La pedagogia instituto de la Siljan-lernejo por korpa kaj psika higieno kaj edukado". La ĝis nun aranĝitaj kursoj okazis dum la somero — kiam la instruistoj libertempas — kaj daŭris 1—3 semajnojn. Ordinare ne estas kursoj pri didaktiko aŭ didaktikaj temoj sed pri tiaj centraj kaj elemente universalaj fakoj, kiujn oni ĝis nun preterlasis en la kutima edukado de instruistoj aŭ edukistoj entute. La tutaĵaspekto en la agado de la Siljan-lernejo speguliĝas en la nomo de la aranĝitaj kursoj. La precipe korpa flanko de la edukado estas reprezentita de kursoj pri „ludo kaj sporto", „ritmiko", „moderna nutrofiziologio kaj nutrohigieno", „medicin-higiena kurso por instruistoj", k.t.p., la psika flanko de kursoj pri „psika higieno kaj

edukado de infanoj kaj gejunuloj", „orientigo pri talentoj kaj konsilado pri metio (psikotekniko)", „psikologio kaj etiko de la gvidanteco", „psikologio kaj psika higieno de diversaj aĝoj" k.t.p. Krome estas aranĝitaj kursoj pri tiuj fakoj, kiuj se la lerneja instruado estas ĝuste aranĝita, kio ne tro ofte okazas, povas havi specialan signifon por la psika higieno aŭ la socia kolektiĝo. Oni povas mencii kursojn pri „desegnado en la servo de la personeca evoluo", „modelado en la servo de la personeca evoluo" kaj „kanto kaj muziko por lernejo kaj popolo".

Dum la kursoj oni donis sufiĉe da spaco al diskutadoj kaj demanda tempo, por ke la partoprenantoj kiom eble povus mem aktive partopreni. Ordinare nur unu preleganto gvidis ĉiun kurson. Multaj el ili posedas internacie konatajn momojn. Koncerne la psikologiajn kursojn la principo estis, ke oni klopodu igi kelkajn el la plej gravaj reprezentantoj de la diversaj skoloj gvidi la kursojn por ke tiamaniere tiu kampo estu ĉiuflanke lumigata. La kuracpedagogion (Heilpädagogik) reprezentis profesoro Heinrich Hanselmann, Zürich (du somerojn), la psikoanalizon profesoro Alfred Adler (du somerojn), la psikoteknikon la estro de la psikoteknika instituto de la komunumo Kopenhago Poul Bahnsen, la evolupsikologion profesoro Charlotte Bühler kaj la psikologion de la industria gvidanteco profesoro Adolf Friedrich. Inter la gvidantoj de la aliaj kursoj troviĝas doktoro Ragnar Berg, Dresden, privatdocento Urban Hjärne, Uppsala, doktoro Jacob Möllerström, Stockholm, la profesoroj Albert Sallak kaj Richard Rothe, Vieno, la docento ĉe la universitato de Jena Marta Bergemann—Könitzer, muzikdocento Heinrich Schumann kaj profesoro Fritz Jöde, Berlin.

La kursoj, kiuj komenciĝis la someron 1929, ĝis nun estis vizitataj de proksimume 700 personoj, la plej multaj el Svedujo, sed multaj ankaŭ el Norvegujo kaj Danujo, kaj ankaŭ kelkaj el Finnlando, Nederlando, Aŭstrujo, Svisujo, Germanujo, Usono k.t.p. La lingvo plej ofte ne kaŭzas malfacilaĵojn, ĉar ĉiu kursestro prelegas en sia propra lingvo, la prelegoj tamen estas interpretitaj en la sveda lingvo. Al la allogo, kiun kaŭzis la kursoj mem, oni povis aldoni, ke la lernejo estas situalta en la eble plej bela, plej stranga kaj plej interesa provinco de Svedlando.

Tiel la lernejo komencis kreski al eta internacia kulturcentro en la malproksima Nordo.

HARALD ALM.

---




La granda pedagogo
aŭ
Fiereco venas antaŭ la falo.
Originala desegnaĵo de Göran Skärman.

# Kelkaj momentkaptoj el la observklaso.

Sinjorino Stina Palmborg estas popolinstruistino, kiu precipe sin dediĉis al la psikopataj infanoj, kiuj estas instruataj en specialaj observklasoj. Ŝia libro pri tiuj temoj „Malfacile regeblaj infanoj" fariĝis treege fama kaj estas tradukita en sep lingvoj. T.A.G.E. esperas iam povi traduki ĝin ankaŭ en esperanto.

Jen, Sinjoro Redaktoro, estas mia, aŭ pli bone **nia** kontribuo al la numero. Ĉar la infanoj prizorgis la materialon, mi nur la komentojn. Vi petis al mi, ke mi skribu iom pri „unu tago en la observklaso, okazoplena tago ekz." Komplikita tasko...... pro la riĉeco de la materialo. Ĉar ĉe ni **ĉiam okazas,** Sinjoro Redaktoro. Oni ne povas plendi pro neefikaj punktoj en la ekzistado. Ĝi estas plena da aktiveco kaj multkolora kiel litkovrilo el flikaĵoj.

Ĉu la infanoj estas tiel kuriozaj? Certe ne. La gebuboj en la observklaso neniom estas pli strangaj ol aliaj infanoj. (Tion mi precipe volas substreki...... ĉar estas multaj, kiuj kredas la malon) Mankoj kaj meritoj estas tute la samaj kiel ĉe aliaj etuloj. Sed eble necesas malgranda protesto: la miksaĵo ordinare estas pli negativa. La diferenco precipe montriĝas en la proporcioj. Ili estas pli grandaj kaj pli intensaj, la koloroj pli fortaj, la sentoj flamas pli pasie.

La infanoj de la observklaso ordinare malhavas la povon bone ekvilibradi dum la gimnastiko, kaj tiu malfacilaĵo ankaŭ karakterizas ilian psikon. La sentemo estas ilia plej karakteriza trajto. Ploro kaj rido, kvereloj kaj interbatadoj, moknomoj kaj karesnomoj, pugnoj kaj intensa amikeco...... ĉio tio alternas kiel aprilaj ventoj.

La intereso de la psikopataj infanoj por io nervostreĉa kaj sensacia estas frape granda. Se mi ne aŭskultis la novaĵojn en la radio aŭ pristudis la gazetafiŝojn dumvoje al la lernejo, mi tial ne riskas perdi la dramecajn okazintaĵojn en la mondo. „Nun, fraŭlino, nun ree estas nervostreĉa", kiel unu knabo ofte sin esprimas. Permesu al mi, ke mi rakontu unu epizodon, kiu klarigas, kiel la mortigaj pafoj en Marseille, kiam estis murdata la reĝo de Jugoslavujo, eĥis eĉ en nia eta klaso.

La tagon post la murdoj aperis bubo — ni nomu lin ekz. Svante — kun revolvereto el lado. Li nomis ĝin aŭtomata pistolo — observu la konformon kun la referatoj de la gazetoj — kaj estis ekstreme fiera pro tio, ke ĝi povis pafi plurajn pafojn sinsekve. Ĉar ĝi krakis sufiĉe impone, mi diris al Svante, kiam ni eliris dum la paŭzo: „Jen, Svante, promesu al mi, ke vi ne pafas nek en la klasĉambro, nek en la koridoro, nek en la korto!" Svante aspektis sufiĉe malgaja, sed murmuris jeson. Kaj mi trankvile eliris, ĉar mi opiniis, ke mi tiel ekzakte precizigis la malpermeson, ke mi kvazaŭ kaptis la bubon en kaptilo.

Certe, Svante ne pafis eĉ unu pafon en la klasĉambro, en la koridoro aŭ en la korto. Sed li solvis la problemon laŭ sia metodo.

Li tute simple forsteliĝis el la barilpordoj de la lernejo kaj promenis laŭ la tuta strato, konstante pafante per la revolvero: La sekvantan lecionon mi konfiskis la aŭtomatan pistolon dum promeso, ke li rericevos ĝin, kiam li iros hejmen. Li ankaŭ rericevos ĝin post kiam li promesis je sia honoro, ke li tute ne kunprenos ĝin en la lernejo la sekvantan tagon. Svante sciis, kio estas honorpromeso. Li nome estis sufiĉe nova skolto en la Savarmeo kaj ankoraŭ akurate observis, ke skolto restas ĉe sia promeso.

La sekvantan matenon Svante tenis la pordon, kiam mi venis, kaj radianta pro ĝojo svingis pakaĵon. Li tre rapidis senvualigi la enhavon. Estis tri libroj, tri aventurlibroj: „Teksas Jack, la plej fama kontraŭbatalanto de la amerikaj indianoj", „Teksas Jack kiel detektivo aŭ la hombuĉado en Camp Lancaster" kaj „Bufalo Bill en mortdanĝero aŭ La senbrua signalo de Kolubrokulo". „Jen, fraŭlino, mi restis ĉe mia promeso", li diris fiere. Sed poste li aldonis: „Mi ne multe ŝatis la aŭtomatpistolon, ĉar mi ne povis kunpreni ĝin en la lernejo, kaj tial mi ŝanĝis kun ulo kaj ricevis anstataŭe ci-tiujn tri librojn. Ili estas plenaj da friponoj, kaj nun vi certe promesas laŭtlegi el ili."...... Jes, mi promesis. Baldaŭ estis sabato kaj tiam estas libera elekto de literaturo. Mi legis kelkajn *elektitajn* partojn de la biblioteko de Svante.

La multkoloraj okazintaĵoj de la ekstera mondo enkirliĝas, kiel vi povas vidi, ankaŭ en nian etan lernejan mondon. Ni ekz. spertis, kiam estis ĝenerala elekto pasintan aŭtunon. Multkolordaj afiŝoj de diversaj partioj flamis kiel fanfaroj sur la muro de la lernejo. En la hejmoj oni diskutis pri politiko. Kaj en la lernejo „la fraŭlino" devis aŭskulti la opinion de paĉjo pri tiu aŭ tiu-ĉi demando. Unu tagon unu el la buboj ekkaptis afiŝon, kunvolvis ĝin kiel laŭtparolilo kaj kriis: „Halo, Halo! La socialdemokratoj havas kunvenon sur la placo de Masthugget je la oka!" — „Ĉu vi scias, kio estas socialdemokratoj!" — „Ne-e, tion mi ne scias. Sed mi scias, ke ili ĉiam pravas." La fraŭlino ekrigardis la laŭtparolilon. Ĝi propagandis por kontraŭa partio......

Kelkfoje tamen la opinioj de la patroj estas kortuŝe konkordaj. Ekz. dum la etiopia militiro. Kun kiu el la batalantoj la patroj simpatiis, pri tio oni ne povis erari. Konsekvence la tuta bubaro estis kvazaŭ konglomerato da kompato kaj bolanta indigno. La anoj de la kvina klaso studis la geografion de Afriko kun frapa intereso kaj sekvis la militioperaciojn sur la landkarto.

Fine alvenis la sciigo pri la enmarŝo de la italoj en la ĉefurbo de Etiopio. Tiun tagon la indigno estis granda. Post la tagmanĝo ni havis liberan desegnadon. Nun la kolero ricevis prisopriritan solviĝon. Ĉiuj buboj desegnis kaj skribis kaj babilis pri la milito. Sed tute malsimele, ĉiu laŭ sia karaktero.

Jen unu! Li havas fortan senton pri justeco, ĉiam estas en moviĝo,

ĉiam volas enmiksiĝi, aranĝi, puni, fari justecon eĉ pri politikaj eminentuloj. Lia nervsistemo ĉiam oscilas inter larmoj kaj rido, bonhumoro kaj melankolio, fluanta fantazio kaj sobra prozo. Li estas plena da kanzonoj kaj spritaĵoj kaj plej ofte portas en la poŝo fingritan kaj trouzitan kantareton. Li estas frape tirata al la religio kaj flirtas inter la infangrupoj de diversaj sektoj. Sed li ne havas trankvilon kaj ne povas ie radikiĝi.

Li estas malbona desegnanto sed volonte desegnas kaj tiam tute senbridigas sian fantazion, priskribante i.a. kiel li mem punas tiu;n kiuj respondecas pri la milito.

Jen alia! Li nur havas en la mondo unu grandan intereson: la desegnadon. Li estas silenta kaj kvieta kaj tute ne akcentas sin mem. Li estas forgesema, malzorgema kaj malĝentila kiel somnambulo, kio ofte havigas al li la elkrion: „Jen, gardu vin!" Certe tiaj vortoj sonorilas en liaj oreloj, ĉar sur unu desegnaĵo li mem uzas ilin al soldato, kiu hazarde venis en la paflinion. (Malfrua averto, ĉar la soldato jam estas en duonoj!)

Li plej volonte desegnas florojn kaj bestojn, feinojn kaj belajn princinojn. Malofte li tuŝas la militistajn motivojn.

Sed tion ofte faras dekunujarulo. Li diboĉas pri sangogutantaj aferoj kaj eltrovas ĉiajn torturilojn. Li legas kun ĝojo detektivajn romanojn kaj volonte volas montriĝi kiel heroo en dramecaj situacioj. Funde li tamen estas mola kaj malkuraĝa. Li precipe desegnis kruelaĵojn.

La infanoj senkonscience ensorbas la pensmanieron de la plenkreskuloj. En la desegnaĵoj de miaj infanoj la sento por la justeco estas kolorigita de la simpatio por la ĉirkaŭanta mondo. Sed ankaŭ tiam, kiam oni ne povas pruvi tion, oni ofte ĝojas pro la forta sento por la justeco ĉe la psikopataj infanoj. Ĝi trabrilas ankaŭ la plej dornan surfacon. Malofte oni vane apelacas al ĝi. Kaj — malgraŭ diversaj miskalkuloj — ĝi donis al mi optimisman opinion pri la estonto de la granda parto de tiuj infanoj.

STINA PALMBORG.



IDILIO EL MALNOVA KARLSKRONA.
Originala lignogravuro de Göran Skärman.

Majo 1937



# LA JUNULARO KAJ LA MONDPACO.

Ĉi tiu gazeto estis eldonata la unuan fojon kiel junulargazeto, okaze de la 18a de Majo, la Tago de Bonvolo, nur en Nederlando en 1928, por infanoj 10—14 jaraj. En 1929 aperis la franca eldono. En 1930 estis elektata internacia redakcio, kiu klopadas eldoni ĝin en kiel eble plej multe da lingvoj kaj landoj. En ĉiu eldono la teksto kaj la bildoj grandparte estas egalaj. Nun ĝi aperas en la lingvoj: nederlanda, franca, angla, germana, kimra, japana, malaja, ĥina, pola, sveda, kaj Esperanta.

Sub-komisiono por Infana Pac-legaĵo (el la komisiono por edukado de la Unuiĝo por Ligo de Nacioj kaj Paco). Prezidantino: Grafino Van Heerdt—Quarles, Bloemendaal; sekretariino: S-ino Romejn, Hago, Nederlando.

Oni povas ricevi ekzemplerojn de ĉi tiu esperantlingva pacgazeto, antaŭpagante al P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam, Nederlando, poŝtĉekkonto 90544,

po respondkupono por 5 ekzempleroj
po 1.00 gld. por 50 ekzempleroj.

---

## PERRADIA MOND-ALVOKO DE LA INFANOJ DE KIMRUJO.
## 16-A. JARA DISVASTIGO, JE LA 18-A DE MAJO 1937, TAGO DE BONA VOLO.

Al vi, geknaboj de ĉiuj landoj de l'mondo, ni, knaboj kaj knabinoj de Kimrujo, ree sendas nian elkoran kaj esperoplenan alvokon.

En tiu ĉi tago de bonvolo, ni ĝojas pensi ke, malgraŭ ĉiuj nunaj luktoj kaj suferoj, la aero estas plena je gajaj salutoj de infanoj, vokantaj unu la alian al paco, tra la kvin terpartoj kaj trans la sep marojn.

Ni ĝojas ankaŭ pri la instigaj vortoj de eminentaj, viroj kaj virinoj, kiuj en ĉiuj landoj kuraĝigas la homojn, kaj alvokas la popolojn al rekonstruado de daŭra paco. Fido kaj firmeco certigos sukceson. Ni voku al la tuta mondo : tiel devas esti !

En tiu ĉi tago de bonvolo kaj en tiu ĉi memorinda jaro, ni volas, kun vi ĉiuj, geamikoj, dediĉi niajn fortojn al servo de l' homaro.

La scienco igis nin najbaroj : Bona volo konservu nin amikoj.

---

# Al niaj junaj legantoj.

La 18a de majo estas la „Tago de Bonvolo".

Dekjaroj, eble centjaroj, miljaroj la homoj militis. La saĝuloj, en multaj landoj, montris al la homoj, ke milito estas malaprobinda, terura, sed vane.

Nur je la fino de la antaŭa jarcento la reprezentantoj de la registaroj de multaj civilizitaj landoj decidis kunveni en Nederlando por organizi la mondon laŭ paca maniero.

La 18an de majo 1899, la unua packonferenco komenciĝis en Hago. Grandaj estis la malfacilaĵoj. Malgrandigi la armeojn kaj la militŝiparojn ne estis eble.

La dua packonferenco havis iom pli da sukceso. La tria estis kunvenonta, sed, ho ve, la granda milito eksplodis.

Post la milito oni fondis la Ligon de Nacioj. Denove niaj esperoj estis grandaj, sed bedaŭrinde la Ligo ne jam havas la forton malebligi militojn.

Ni, plenkreskuloj ne jam atingis la deziratan celon. Sed vi, gejunuloj, pruvu ke vi superas nin.

Atingu la celon, kiun ni malklare vidas antaŭ ni en la malproksimo. Plifeliĉigu, plibeligu nian mondon.

Niajn bondezirojn por via sukceso.

---

# Ĉu vi scias.

kiu unue

| | |
|---|---|
| vojaĝis tra Azio ? | Italo. |
| „ tra Centra Ameriko ? | Hispano. |
| „ tra Afriko okcidenten ? | Skoto. |
| „ tra Afriko orienten ? | Afrikano. |
| „ tra Afriko de la Mediteraneo al la golfo de Gvineo ? | Arabo. |
| trovis la fontojn de la Nilo ? | Anglo. |
| „ „ „ „ „ Ganĝo ? | Kimro. |

| | |
|---|---|
| supreniris la Monton Blankan? | Sviso. |
| „ „ Kilimanĵaron? | Germano. |
| ĉirkaŭvojaĝis la mondon? | Portugalo. |
| ŝipveturis tra la Glacia Maro norde de Ameriko? | Skoto. |
| „ „ „ „ „ „ „ Azio? | Svedo |
| atingis la nordan poluson? | Usonano. |
| „ „ sudan poluson? | Norvego. |
| supreniris per balono? | Franco. |
| „ „ zepelino? | Germano. |
| „ „ flugmaŝino? | Usonano. |
| atingis la stratosferon? | Sviso. |
| akiris la altorekordon? | Ruso. |
| flugis trans la Kanalon? | Franco. |
| „ „ la Alpojn? | Peruano. |
| „ „ la Nordan Atlantikon? | Usonano. |
| „ „ la Poluson per zepelino? | Italo. |
| „ „ „ „ „ flugmaŝino? | Norvego. |

---

# Malfidaj bubaloj.

En la tropikoj la Eŭropanoj ŝirmas la kapon kontraŭ la varmego per blanka ĉapelo el korko kovrita per tolo.

Estas tre rimarkinde ke la grandaj malhelgrizaj hindaj bubaloj, kiujn oni jungas antaŭ la ĉaroj kaj kiuj kutime estas tre obeemaj kaj estas kondukataj eĉ de junaj infanoj, ofte obstine rifuzas antaŭeniri, kiam ili ekvidas tian tropikan kaskon.

Kion diras la indiĝenoj mem pri tio?

Ke la kaŭzo estas ke la bubaloj timegas la blankulojn, kiuj ĉasante mortpafis multajn . . . kaj ke nun ĉiuj bubaloj scias tion kaj nepre ne forgesas.

La Hindoj mem preskaŭ ĉiuj estas vegetaranoj, do nepre ne mortigos bestojn kaj estas eĉ tiel afablaj al ĉiuj bestoj, ke ekz. la amindaj blankstriitaj sciuroj sin riskas tuj apud iliaj domoj kaj manĝas el iliaj manoj.

Sed ankaŭ la Hindoj ne tute fidas la blankulojn, ĉar ambaŭ rasoj ofte intermilitis.

Iom post iom ili komprenos kaj estimos unu la alian, nun kiam oni ambaŭ flanke klopodas venki la malfacilaĵojn kaj solvi la miskomprenojn.

Pro tio estas tre feliĉe, ke en izola parto de Brita Hindujo, kie oni ankoraŭ pli ol aliloke malŝatis la Eŭropanojn, du personoj alvenis, kiam terura tertremo detruis tutajn vilaĝojn kaj subakvigadoj malesperigis la mizerajn enloĝantojn.

Estis du Svisoj, Pierre Cérésole kaj Schenker, kiuj kune kun angla amiko Wilkinson vojaĝis tien ne pro egoistaj motivoj sed por helpi.

Malgraŭ la varmego ili persone helpis la Hindojn en la plej malfacila laboro kaj spite al pluvegoj.

Kiel inĝenieroj ili povis doni tiom da bonegaj kaj praktikaj konsiloj, ke ĉio aranĝiĝis tre rapide. Aliaj personoj, stimulitaj de ĉi tiu ekzemplo, agis sammaniere en aliaj lokoj. Ili admiris la belegan ideon.

Ĉi tiu ideo estas : anstataŭi malfidon per fido. Ankaŭ en Eŭropo la popoloj minacas unu la alian kaj multiplikas la nombron da bombardadaviadiloj kaj ĉiuspecaj kanonoj.

Ili faras tion pro timo kaj por timigi la najbarojn, sed ju pli da mortigiloj iti aĉetas, ju pli ili timas, ĉar la najbaroj ja faras la samon.

Cérésole fondis unuiĝon : *La amikoj de internacia helpservo*. Li kaj liaj amikoj opinias ke la militpreparadoj nenion efikas kaj ke estas pli bone veki fidon ol timon.

Pro tio ili grandnombre iras al landoj, frapitaj de katastrofo kaj senpage ili helpas.

Tion ili faris en Liĥtenstejno, en Franĉujo, en Anglujo kaj en multaj svisaj vilaĝoj. Ĉie ili postlasis bonan impreson.

Ni esperu ke post kelkaj jaroj la bubaloj ne plu ektimos vidante blankulon kun tropika kasko.

Amo anstataŭu malamon.

---

# Rimarkinda monumento por herooj pereintaj.

Antaŭ kelkaj monatoj oni finkonstruis kaj inaŭguris kun grandaj solenaĵoj en Hamburgo monumenton por honori cent sesdek virojn, kiuj oferis sian vivon por eksperimentoj kun Roentgen-radioj.

Vi ja scias ke la Roentgen — kaj la radium-radioj poste sanigis tiom da homoj.

Viroj el multaj landoj, i.a. 47 Francoj, en tiuj eksperimentoj perdis la vivon — kaj akceptis kuraĝe longajn, longajn suferadojn.

Jam antaŭe ili sciis, kiel danĝera estas tia eksperimentado por la propra sano, — sed senhezite ili daŭrigis.

Neniu el ili sin sentis heroo. Ho, ne, ili opiniis ke estas nur ilia devo akceli la sciencon. Ili estis konvinkitaj, ke poste radiumo sanigos multajn homojn.

Franco estis invitata de la germana registaro gvidi la solenaĵojn kaj paroladi okaze de la inaŭgurado.

Jen denove ekzemplo, ke homoj el diversaj landoj povas pace kunlabori por atingi iun grandan celon.

---

JU PLI ONI AMAS SIAN PROPRAN LANDON, DES PLI BONE ONI KOMPRENOS, KE ANKAŬ ALILANDANOJ AMAS SIAN LANDON.

VERA AMO AL LA PATROLANDO TUTE NE INKLUZIVAS MALAMON KONTRAŬ NAJBARAJ LANDOJ.



Voĉlernejo de Kloster.

# Malhonesteceto de kantpedagogo.

## „Ankaŭ la koro havas sian parton en la tono."

Direktoro Karl Nygren antaŭ 23 jaroj kreis en Alvesta, Smolando, specialan „voĉlernejon" kaj ankaŭ popolaltlernejon por kantado. Li mem skribas pri siaj ideoj: „Ni amas la belecon en ĉiuj formoj koj faris *multon* por ke la medio estu arte alloga, bela, originala — kaj oni ŝatis tion. Eble la stranga konstrua stilo, la beleco de la naturo, la artistaj vesperamuzadoj k. t. p. kaŭzis, ke la lernejo de Kloster tiel longe povis subteni sin mem." Nun direktoro Nygren devas ĉesi pro manko da mono sed li esperas en la estonto ŝtatan subvencion. En la ĉisuba artikolo oni facile rekonas la originalan personecon de la aŭtoro.

Iam estis kantinstruisto, kiu neis la signifon de la *sento* por la *korpa* perfektigo de la voĉo. Li predikis anatomion kaj fiziologion kaj trejnis siajn lernantojn per multaj meĥanikaj ekzercadoj. „La sento! Per kio ĝi tuŝas nin! Estas la afero de la artisto. Memoru, ke vi ankoraŭ estas disĉiploj! Poste ni parolos pri la sento."

Sed kvankam li diris tiel, li ne forgesis, ke la kanto estas pro-

duktata de instrumento, kiu havas kaj korpon kaj animon. Li sin nomis fiziologo — sed ne estis al li fremda la potenco de la animo super la korpo kaj li vastege profitis la helpon de ekz. la bonhumoro kaj aliaj sentoj. Stranga malhonesteco. Kio kaŝiĝis sube?

La sekvanta rakonteto diras al ni, kiom alte li efektive taksis la mensan staton kiel instigilo dum la studoj pri formiĝo de la tonoj. Juna fraŭlino ricevis kiel lernotasko kanti gamojn kaj ruladojn sed ne per „do-re-mi . . ." k.t.p. kaj ankaŭ ne per aliaj silaboj, sed per: „Fy fan!" [1]) Kial? Jen, la studoj dum kelka tempo malprogresis, la lernantino estis deprimita, la viva forto de ŝi kaj ŝia voĉo estis danĝere elĉerpita, ŝi estis enuigita kaj tedita pri ĉio. La sento de ĝuo, kiu kaŭzas malpezan kaj tamen energian respiradon estis for. Anstataŭe la kantistinon animis sentoj, kiuj eldevigis ekĝeman, bruspiran respiradon, kiu estas la morto por la tono.

Kiam la instruisto komprenis, ke li ĝis tiam malbone ludis per la gorĝo de la lernantino, li faris sukcesan provon ludi per ŝia animo. Ŝi bezonis kuraĝon, gajecon, memfidon.

La pruda fraŭlino momente ekmiregis, sed baldaŭ sin orientis pri la absurda nova „ekzercado" kaj apenaŭ ŝi komencis: „fyfan-fyfanfyfa-a-a-n!" antaŭ ol la bonhumoro faris la spiradon grandskale laŭcela por bona kaj bela kantotono. Ŝi tute simple alridis al si la feliĉon, kaj dum kelka tempo ĉiuj ekzercadoj bone progresis, kaj la meĥanikaj kaj la ne-meĥanikaj. Sed poste denove ĉesiĝis. La instruisto, la „pura fiziologisto" tiam trovis konvena denove alvoki la senton, kaj la fraŭlino estis ordonata kanti la serenadon de don Juano kaj la prologon de Paljaco! Estis drasta kuraco, kaj estis nepre necese gardi la brustregistron, por ke ĝi ne estu trostreĉata kaj kaŭzu fatalaĵojn, sed dum unu aŭ du tagoj la eksperimento ne estis erara, ĉar la malkuraĝa, plorema kaj iom histeria knabino devis esti supretenata per specialaj rimedoj. La instruisto tamen obstinis nei la helpon de la mensa stato dum la studoj pri formiĝo de tono. Estas sensencaĵo, ke la sentoj de la lernanto — veraj aŭ afektitaj — influis la evoluon de la korpa voĉo! Sed tamen li persiste kaj sukcese daŭrigis la ludadon per la animoj de la lernantoj. Kaj la bonega uzado de la psiko-korpaj rimedoj flanke de la voĉofiziologo donis bonajn rezultojn. Se muskolo aŭ muskolaro devis esti malstreĉata, li ricevigis al la kantanto tian humoron, ke la dezirita malstreĉo okazis.

Ne temis pri efektiva teatro — sed pri dramaj momentetoj, kiuj iam senceremonie faris pli multe ol paciencaj meĥanikaj ekzercadoj dum longaj tempoj. Oni agis saĝe, ludis la pli simplan infanejan teatron, nenio komplikita, nenio mirinda.

„Stultigi la okulojn! li iam diris. Li komprenis, ke tio povis

---

[1]) Sveda blasfemo, signifas: „Fi, diablo!"

okazigi ĝeneralan malstreĉon. La gorĝo ricevis molajn ĉirkaŭaĵojn — vivkondiĉo por fiziologie ĝusta tonformiĝo.

„Ludu ebriulo! Ŝajnigu, ke vi dormas! Apatiiĝu!" Per tio obstinemaj gorĝoj plimoliĝis, kaj turmentita, guturala tonformiĝo estis sekvata de libera kaj kuraĝa.

Ne mankis al li fantazio: jen oni ŝajnigis ion, jen alion en tiu muzika infanĝardeno. Ne fariĝante kvazaŭ infano — sen la malkaŝemeco kaj la aminda naiveco de la infano — oni ne povas eniri la regnon de l' kanto, tion li sciis, sed anstataŭ akcenti tion, li diris: fiziologio, *fiziologio! Miaj* eltrovoj, *miaj* ekzercoj, *mia metodo!*

Se nun kelkaj muskoloj devas esti malstreĉataj, aliaj devas esti spronataj al energio, konvena por la tonproduktado: ekz. la „motoro". Anatomio kaj fiziologio informas pri ĝiaj konstruo kaj ĝeneralaj funkcioj — sed temas pri tio, ke oni kiel eble plej multe konscience direktas ĝin. Ankaŭ ĉi-tie la fiziologo fidis je la psiko. Kiam li, kio ja estis tute ĝuste, per meĥanikaj ekzercadoj direktis la muskolan aktivecon al konvena flanko, li invitis la sentojn kronigi la faron kaj plej ofte akiris bonajn rezultojn. Dum la ludo okazis, li kriis: „Observu la elspiradon, la ventran apogon, la ventran premadon k.t.p." Tre, tre saĝe! [1])

Jes, la sukceso estis nediskutebla, sed — la „fyfan"-metodo ne konvenas al ĉiuj tipoj, same malmulte kiel unuflanka meĥanika trejnado konvenas al ĉiuj. Nia „majstro" tamen havis maloftan psikologian rigardon; li konis siajn homojn kaj komprenis iliajn individuajn bezonojn. La sukcesplena ludado per la korpa toninstrumento de multaj lernantoj povis esti atribuata al unu speco da ekzercadoj aŭ la alia, sed precipe ĝi dependis de la talento de la instruisto lerte trakti la psikon de la lernantoj.

Ĉu oni povas kompreni, kial li estis tiel obstine malhonesta koncerne tiun punkton?

KARL NYGREN.

[1]) Eĉ dum afekto la lernanto iam devas igi „la penson fulme lumigi la fiziologian sinsekvon", ankaŭ diras la sama instrukciisto, se li interesiĝas pri la *voĉo* kaj la *sano de la voĉo.*

---

# El la lerneja vivo de antikvaj tempoj.

I.

En la protokolo de la kanonikaro de Skara, Svedlando, la 20-an de Aŭgusto 1656 ni trovas la jenan paragrafon:

„Pro tio, ke lernanto Jonas Benedicti

1. antaŭ kelkaj tagoj estis ebria inter la ĉefdiservo kaj la vespera diservo,
2. kuris ebria kaj aroga en la korton de la instruisto Sro Laurentius Cleverus kaj tie faris bruon kaj montris kontraŭstaremon,

3. blasfemis kaj insultis, kiam oni forpelis lin en la straton,
4. invitis Sron Cleverus al interbatado,
5. diris, ke li volas eltranĉi liajn intestojn,
6. insultis kamparanon kaj nomis lin diablo,
7. estis egale malrespektema, kiam li estis vokata al la direktoro, havis ĉe li la ĉapelon sur la kapo kaj nomis Sron Cleverus drinkemulo,
8. elrompiĝis el la piedotrabo kaj elkuris el la fenestro de la lernejo kaj,
9. malrespektis siajn superulojn en publika loko per maltima respondado,

li devas sidi en la lerneja malliberejo dum tri tagoj kaj poste perdi la dorshaŭton pere de ok lernantoj, kiuj batos lin en la lernejo."

II.

Post la malvenko de Karlo XII apud Poltava 1709, multaj svedaj oficiroj fariĝis militkaptitoj en Rusujo, precipe en Siberio. Kelkaj el ili sin vivtenis per privata instruado, kaj unu el tiuj rakontas en sia taglibro la jenon :

„En la jaro 1715-a la 8-an de Majo mi konsentis fariĝi privatinstruisto ĉe la urbestro de Solikamski, nomita Ivan Jevreinov, instruonte lian filon kun la sama nomo pri la latina kaj la germana lingvoj, sed ricevis pro miaj diligento, klopodo kaj penado neniun pli bonan rekompencon ol tiu, ke la filo de suprenomita urbestro Ivan Jevreinov la 15-an de tiu monato miksigis la manĝon kun veneno por tiamaniere mortigi min kaj eviti mian instruadon, al kiu li ne montris eĉ la plej etan emon sed inklinis al ĉio malbona".

Certe ni povas ĝoji, ke malgraŭ ĉio la nuntempaj rilatoj inter instruistoj kaj lernantoj estas iomete pli agrablaj ol antaŭ ducent jaroj !

R. D.

---

Kion la geknaboj (12—17-jaraj) en mia lernejo (Winschoten, Nederlando) lernas pri

## Svedujo.

*Historio.* En la lasta parto de la mezepoko Svedujo estis parto de Danujo. En la komenco de la deksesa jarcento Gustavo Wasa liberigis la landon.

Sub lia regado la Svedoj luteraniĝis.

Gustavo Adolfo helpis la protestantojn en la 30-jara milito.

1631. G. A. venkas Tilly apud Breitenfeld.

1632. Li venkas Wallenstein apud Lützen, sed mem perdas la vivon.

1634. La imperiestranoj venkas la Svedojn apud Nördlingen.

1635. Alianco inter Svedujo kaj Francujo kontraŭ la aŭstraj habsburgoj.

1648. Svedujo akiras kelkajn partojn de Germanujo. Svedujo nun estas la norda granda potenco.

1655—1660. Nederlando helpas Danujon kaj Polujon kontraŭ Svedujo, por ke la Baltika Maro ne fariĝu tute sveda maro.

1668. Alianco inter Anglujo, Svedujo kaj Nederlando kontraŭ Francujo.

Sed baldaŭ Ludoviko XIV subaĉetas la svedan registaron.

1700—1721. Norda Milito. Karlo XII venkas Danujon kaj Rusujon, sed sin riskas tro malproksime en Polujon kaj estas venkita de la Rusoj apud Pultava.

Kelkajn jarojn li nun loĝas en Turkujo, reiras al sia lando, sed perdas la vivon sieĝante norvegan urbon.

Svedujo perdas la baltikajn provincojn ; kiel grandpotenco ĝi estas anstataŭata de Rusujo.

En la napoleona epoko la franca generalo Bernadotte fariĝas kronprinco de Svedujo.

La nuna reĝa familio de li devenas.

*Geografio.* Svedujo (14 × Nederlando, 6 milionoj da enloĝantoj) havas kontinentan klimaton, la vintroj estas tre malvarmaj, ĉar la montaro malebligas influon de la Oceano.

La suda parto havas pli mildan klimaton, tie estas grava terkulturado, pli norde la havenoj estas fermitaj dum monatoj pro glacio. Pro tio la fervojoj rekte tra la duoninsulo al la Oceano estas dumvintre tre gravaj.

En la lernejoj la knaboj lernas fari ledajn kaj lignajn ŝuojn kaj la knabinoj ricevas mastrumadan instruon. Do tre praktika instruado.

Tre konata estas la sveda gimnastiko.

Se vi legas la titolojn en la librovendejoj, vi tuj vidas, ke la nordaj landoj famiĝis pro sia literaturo.

*Terkulturado :* speciale en la suda parto, pli nordo la temperaturo estas tro malalta. Aveno, hordeo, sekalo, terpomoj, sed ne sufiĉe por la tuta loĝantaro.

Kelkaj bonegaj novaj grenspecoj.

*Fiŝkaptado :* grava, iom malpli al la nederlanda.

*Arbaroj.* Svedujo estas arbarriĉa lando (la duono).

Pro la malvarma klimato kaj la nefruktedona grundo la ligno kreskas malrapide, sed ĝuste pro tio la kvalito estas bona. Ne nur trabojn kaj tabulojn oni faras, ankaŭ paperon, celulozon (por artefarita silko) kaj lignajn ŝipojn. La nenavigeblaj riveroj transportas la arbojn al la segejo, kie oni kaptas ilin.

Lignohavenoj : Sundsvall, Hernösand.

*Minoj.* Ferminoj estas apud Kiruna, Gellivara, Grangesberg.

Eksporthavenoj : Lulea (somere), Narvik (en Norvegujo, la tutan jaron) kaj Oxelösund. Ĉar Svedujo produktas malmulte da karbo la pli granda parto de la ferminaĵo ne estas fandata en la lando mem,

sed eksportata (kvarono de la tuta eksporto) al Anglujo kaj al Germanujo (laŭ Rotterdam al la vestfala industriregiono aŭ al Stettin aŭ laŭ la Oder al Sud-Silezio). Pere de lignokarbo la Svedoj fabrikas el la minaĵo bonegan feron, kiu estas grandparte eksportata al Sheffield. Apud Boliden estas ormino, ĝi produktas la duonon de la Eŭropa oro (sen Sovetio).

Sveda granito estas sendata al Okcident-Eŭropo. Multaj centraj *elektrejoj* (blanka karbo). La elektran forton oni uzas ankaŭ por apartigi metalojn el la minaĵo kaj por fari ĥemiajn produktaĵojn.

La sveda *industrio* produktas multajn specialaĵojn (motorojn, globlagrojn, telefonaparatojn, alumetojn, k.t.p.)

Ĉi tiuj povas konkurenci en la tuta mondo.

La lignosegejoj troviĝas grandparte apud la maro.

La Trolhätta—akvofaloj liveras elektran forton.

Apud ĉi tiuj akvofaloj estiĝis industriurbo, ĝi uzas parton de la forto, la resto provizas sudokcidentan Svedujon per lumo kaj forto.

Stockholm estas la plej granda importhaveno, Gotenburg havas kvaronon de la eksporto kaj de la importo.

E. J. B.

---



Visby sur la insulo Gotlando estas tiu sveda urbo, kie plej riĉe ankoraŭ vivas la mezepoka etoso. Ĉarmega verdaĵo enkadras la pezajn turojn de la ringmurego. En la fono la Balta maro.

# Cseh-metodaj Kursoj por infanoj.

Estas ĝojiga fakto, ke pli kaj pli sentiĝas la bezono al taŭga instrumetodo por infanoj. Antaŭe tro malmultaj kursoj estis organizataj por infanoj por serioze konsideri tiun problemon, sed jam alvenas la tempo, ke ni devas esti pretaj por grandskale komenci la instruadon de Esperanto al infanoj.

Kiuj estas la postuloj por tia instruado?

1. La instruado devas esti almezurita al lernejaj klasoj, do taŭga por proksimune 30 infanoj. (Individuan instruon al infanoj ni ne konsideras ĉi tie.)
2. La instruado devas esti tia, ke la infanoj daŭre mem vigle partoprenu.
3. La hejmtaskoj devas esti kiel eble plej multe limigitaj, por ke la infanoj volonte partoprenu en la Esperanto-kurso.
4. La instruado okazu prefere dufoje en la semajno dum 2 horoj. (Se la cirkonstancoj tion ne permesas, la instruisto adaptas la instruhorojn al la lerneja programo.)
5. La instruado de Esperanto devas samtempe eduki la infanojn al internacia interkompreniĝado.

Nia tasko estas nun esplori, al kiuj postuloj la metodo devas respondi, por plenumi la nomitajn 5 punktojn.

Rilate al punkto 1 jam ĉiu pedagogo scias, ke la infanoj multe pli preferas la buŝan instruon de la instruisto mem ol lerni el iu gramatika libro. Tuj kiam la instruisto komencas vigle instrui, la atento de la infanoj estas streĉita. Kiam la infanoj sidas kun lernolibro antaŭ si, ili tre facile pensas pri aliaj aferoj aŭ babilas kun la najbaro. El tio sekvas, ke la tiel nomita **rekta metodo** estas la plej taŭga kaj sukcesplena por infanoj. Ekzistas jam diversaj rektaj metodoj por instrui Esperanton. La plej disvastigata estas la Csehmetodo, kiu per tio montriĝis esti unu el la plej bonaj por kursoj al plenkreskuloj.

Citante ĉi tie la principojn de la Cseh-metodo ni samtempe donas la respondojn al la supre cititaj punktoj 2, 3, kaj 4. La Cseh-metodo baziĝas je la sekvantaj principoj:

a. Neuzado de lernolibro en la komenca kurso.
b. Neuzado de nacia lingvo, sed klarigo de la novaj vortoj per la jam instruitaj.
c. Komuna ĥora respondado.
d. Aplikado de konversacio pri aktualaĵoj anstataŭ uzado de lernejecaj ekzemploj.
e. Multa aplikado de humoro kaj ŝerco.
f. Instigo al tio, ke la lernantoj mem eltrovu la regulojn de la lingvo kaj ke ili mem konstruu la gramatikan sistemon.
g. Fremdlandano donu la kurson.

Detalan referaton pri la Cseh-metodo donis S-ro Regna Konsilanto

antaŭa Inspektoro de Instruado A. Rienks, kiu inkognite partoprenis en plena kurso de Andreo Cseh en Hago. S-ro Rienks science montris la diferencon kaj superecon de la Cseh-metodo en komparo de aliaj rektaj metodoj, kiel Berlitz. Ni poste publikigos la referaton de S-ro Rienks.

Komparante la principojn de la Cseh-metodo kun la postuloj de la infaninstruado, ni konstatas, ke la Cseh-metodo estas kvazaŭ kreita por instrui infanojn.

La legantoj, estas jam sufiĉe informitaj pri la Cseh-metodo por scii, ke kelkaj partoj ne taŭgas por infanoj, sed tiuj partoj estas nur detalaj kaj ili estas facile ŝanĝeblaj. Por faciligi al la instruistoj fari tiujn ŝanĝojn, ni donas la jenajn ekzemplojn: La leciono pri la vorto „amas" oni ŝanĝas tiel, ke ne estu la frazoj pri amo de „oficisto" al „instruistino" sed pri amo al patro, patrino, frato, k.t.p. Ankaŭ la vorto „tuŝas" tre taŭgas por instrui la akuzativon. Oni venigas du infanojn antaŭ la klason kaj demonstracias: „Petro tuŝas Johanon", k.t.p.

Same la „amletero" (punkto 118 de la hektografita Cseh-kurso) devas esti anstataŭata de modelo de letero de unu infano al alia.

La leciono pri: la homoj estas diversaj, k.t.p. ŝanĝiĝas en leciono pri la knaboj estas diversaj kaj la knabinoj estas diversaj. (punto 165)

Ankaŭ la vendejan lecionon oni forlasu, sed anstataŭu ĝin per leciono pri vizito al unu butiko. La infanoj mem preparas tablon, kiu estas la butiko kun diversaj objektoj kaj la infanoj estu laŭvice la aĉetantoj kaj vendantoj. Tio estas kutima ludo de infanoj, kiun oni nomas en Nederlando „Ludi butikon". En tiu leciono venas la vortoj kaso, kvalito, k.t.p. laŭ punkto 231 de la kursmetodo.

Unu grava diferenco inter Cseh-metodaj kursoj por plenkreskuloj kaj infanoj estas tiu, ke plej ofte la infanojn instruas la instruisto de la lernejo mem, do samlandano. Tial la klarigo de kelkaj gramatikaj partoj povas okazi en la nacia lingvo. Oni ne ŝajnigu eksterlandanecon, aplikante tradukanton, ĉar tio ridindigas la instruiston. Ekzemple la samlanda instruisto klarigu la diferencon inter tiu kaj tio ne laŭ la „kameleona regulo", sed en la nacia lingvo de la infanoj, donante multajn ekzemplojn.

Kiel kompletigon de la kurso la instruisto komencas doni facilajn kantojn. Ne grave estas, ĉu troviĝas en la kantoj kelkaj novaj vortoj, ĉar la instruisto simple donas la tradukon de tiuj novaj vortoj. Per la kantoj la infanoj pli bone tenas la vortojn en la memoro kaj ili estas agrabla maniero por ripozigi la infanojn.

La hejmaj taskoj devas plejparte konsisti el legado de facilaj tekstoj kun ja lernitaj vortoj. Por la plenkreskuloj ekzistas por tiu celo la bonegaj volumetoj de „Konversacia Literaturo". Estas dezirinde havi tiajn por infanoj. La Cseh-Instituto baldaŭ eldonos tiajn libretojn, kiuj entenos facilan legaĵon kaj kantojn.

La por ni Esperantistoj plej grava estas la 5-a punkto de la postuloj, supre nomitaj: eduki la infanojn al internacia interkomprenigado.

Tion oni povas fari en diversaj manieroj. Rakontante la historion de D-ro Zamenhof kaj liaj suferoj, oni jam klarigas la celon de Esparanto.

Kiel eble plej baldaŭ oni donas adresojn al la infanoj de alilandaj samideanetoj, tiel ke ili frue alkutimiĝas al internacia korespondado.

Poste oni regule rekontas pri novaj venkoj en la movado por montri, ke per Esperanto oni baldaŭ povos koni la tutan mondon.

Ankaŭ oni organizu internaciajn renkontejojn de infanoj, kio nuntempe facile ebliĝas. La Cseh-Instituto jam komencis aranĝi kuneston de gejunuloj en la Esperanto-Domo. Tio estas la komenco. En la estonteco la instituto certe organizos infanrenkontejojn en kunlaboro kun la Esperantistaj geinstruistoj de la tuta mondo. En Anglujo jam estas farita unu provo, Danujo sekvas kaj certe oni organizos tiajn infanrenkontojn .en ĉiuj landoj post kelkaj jaroj Esperantistoj, tio estu nia espero, ke niaj infanoj plenumos la sopiron de D-ro Zamenhof: La tutmonda homaro estu unu granda familio!

Den Haag.

JULIA ISBRÜCKER.

## ALVOKO:

Rilate al ĉi-supra artikolo, ni petas *ĉiujn* gekolegojn, kiuj havas *spertojn* pri infankursoj, sciigi al ni pri tio. Volonte ni ricevos manuskriptojn pri lecionoj, precipe taŭgaj por infanoj, instigojn pri instrumanieroj kaj — metodoj, aldonojn porinfanajn al la materialo de la jam ekzistanta ĉe-metodo por plenkreskuloj, proponatajn ŝanĝojn, demandfoliojn, konverzacian literaturon ludojn, kantojn, k. t. p. En koncizaj vortoj: *ĉiujn informojn kaj materialojn, kiuj estas valoraj por gvidontoj de infankursoj.*

Ni intencas publikigi tiun recivitan materialon. Verŝajne en libro-formo. (Red.).

---

# Interesa Projekto.

(Libervola Helpservo Internacia (1937)

Ekvidinte la sukceson de l' esperanta broŝuro pri Internacia Helpservo, kelkaj samideanoj proponis ke speciala servo por Esperantistoj estu organizata dum la somero 1937, almenaŭ dum du aŭ tri semajnoj. Tiu sperto provus ke Esperanto tiel bone taŭgas por la ĉiutaga vivo, por praktika laboro, kiel ĝi taŭgas ĉe kongresoj internaciaj.

Libervola Helpservo Internacia alvokas nin al kunlaboro! Ĝi bezonas internacian lingvon, ĝi bezonas la fervoran subtenon de l' Esperantistaro. Kaj ni, Esperantistoj, bezonas okazon por uzi praktike

nian lingvon, por efektivigi nian celon, kiu ne estas teoria sed nepre praktika. Esperanto estas helplingvo, ĝi estis kreata por helpi. Ni do uzu ĝin tie, kie ĝi estas bezonata.

Samideanoj ! Se vi deziras labori samtempe por Esperanto kaj por la Paco, rezervu kelkajn tagojn el via somera libertempo por Internacia Helpservo ! Legu nian broŝuron, kaj skribu al unu el la malsupre indikitaj adresoj por subteni la aferon ! Ĝi estas ankoraŭ nur projekto, sed ĝi devas efektiviĝi. Pluaj informoj sekvos ankoraŭ poste.

La dua eldono de nia broŝuro, kun belaj bildoj kaj antaŭparolo de Samideano Edm. Privat, estas havebla kontraŭ nur unu respondkupono internacia, ĉe :

Jules Gilliard, Place du Marché 3, *Annemasse* (Haute Savoie, Francujo)

Eric Descoeudres, Sonnhalde 6, *Bienne* (Svislando)

---



En riĉa kaj fertila Skanio iam regis fiera nobelaro, kiu konstruis majestajn kastelojn kaj palacojn. Jen la fama kastelo Trolle-Ljungby, konstruita en la komenco de la 17-a jarcento, kun siaj remparfosaĵoj kaj la belega hedero sur la tuta muro.

# Alvoko al Geinstruistoj.

*Karaj Gesamideanoj.*

Interkonsente kun T.A.G.E. — Estraro estas organizata en Varsovio Loka Pedagogia Komitato, kiu volas aranĝi dum La JUBILEA jenajn kunsidojn, kiuj estu kiel eble plej multenombre vizitotaj. La kunsidoj okazos dum la tempo speciale rezervata en la kongresprogramo. La ĉi suba programo havas nur provizoran signifon.

Oni aranĝos du kunvenojn po 2 horoj.

*Unua kunveno.*

Malfermo kaj latŭlegado de salutleteroj.

Parolado de d-ro Bj. Beckman, Karlskrona, Svedlando, prez. de T.A.G.E., pri „Kelkaj internaciaj instruistaj problemoj" (precipe pri T.A.G.E. kaj I.P.R. Diskutado.

Informa prelego pri Interŝtata Esp.-Akordo, de d-ro Antoni Czubrynski, docento de Libera Universitato Pola en Varsovio.

Diskutado.

*Dua kunveno.*

Prelegoj: 1. Enkonduko de Esp. en lernejojn, 2. Internacia interŝanĝado de gelernantoj, 3. Interlerneja korespondado.

Diskutado.

Raporto pri la Internacia Pariza Konferenco (Pentekosto), precipe pri infankursoj.

Diskutado.

Prelego de gimn. prof. M. Sygnarski, Bydgeszoz, Pollando, „Kion opinias junularo pri Esperanto".

Intertempe okazos la kunsido de la Komitato, kiu preparos proponojn kaj rezoluciojn.

*Vizitoj kaj akceptoj.*

Kvankam Esp.-problemo estas la komuna zorgo de ĉiuj fakuloj, tamen ni, instruistoj, komprenas, ke la fundamenta kondiĉo de ĝia disvolviĝo estas ĝia s a m t e m p a enkonduko en la lernejojn de kelkaj landoj. Tial Esperanto estas antaŭ ĉio la instruista afero.

La sukceso dependas sole de partepreno de alilandaj kolegoj, kiuj ne nur povus doni al niaj kunvenoj la karakteron de malgranda Internacia Pedagogia Kongreso, sed ankau popularigi la rezoluciojn, pri kies realigo oni laboros en iliaj landoj.

Ni do petas gekolegojn alveni Varsovion kaj anonci sian ĉeeston antaŭ ĝenerala kongreso.

Prezidanto de T,A.G.E.:
d-ro Bj. Beckman.

Pedagogia Komitato:
d-ro A. Czubrynski.

Varsovio, aprilo 1937.

---

# LERNEJA ANEKDOTO.

Al lernejo venis nova, sufiĉe juna kaj treege malhumila instruisto. Pro sia malhumileco li kolerigis la gimnazianojn kaj ili decidis ne saluti lin. Terure kolerigita li senpripense eniris klasĉambron, kie instruis maljuna instruisto kaj ricevis permeson paroli kelkajn vortojn al la knaboj. Kun trema kaj lispa voĉo li diris:

„Mi estas licentiato, baldaŭ doktoro kaj ankaŭ profesoro. Mi postulas, ke vi salutu min ĉiam kaj ĉie!"

Li foriris, la knaboj eksidis, kaj la maljuna instruisto rigardis super la klaso. Fine li trankvile parolis:

„Ĉu vere? Ĉu vi ne salutas lin? Ĉu vi ne scias, ke estas via devo saluti viajn instruistojn, eĉ se ili estas kompletaj idiotoj!"

---



En la prasveda provinco Dalekarlio oni ankoraŭ portas la belajn popolvestojn kaj gaje festas dum la antaŭtago de Sankta Johano (23.6). Jen la somermeza stango en vilaĝo de la paroĥejo Leksand kaj antaŭ ĝi kvar knabinoj survoje al la danco.

# Internaciaj Feriaj Esperanto-Kursoj.

## Somero 1937 en Helsingor, Danlando.

Dana Esp.-Instituto denove invitas samideanojn el la tuta mondo por partopreni la Internaciajn Feriajn Kursojn en la venonta somero en la Internacia Altlernejo en Helsingor, kiu situas ĉe la maro en belega regiono, plej ideala loko por pasigi sian ferion. En la pasinta jaro partoprenis 110 personoj el 10 diversaj landoj.

*La perfektiga kurso* okazos de la 31.7.—7.8. Ĝin povos partopreni ĉiuj, kiuj lernis Esp'on per elementa kurso kaj kiuj deziras perfektiĝi kaj akiri parolekzercon. Dum kaj ekster la lecionoj estos parolata *nur* Esp. Jenaj fakoj estos pritraktataj: Esp.-literaturo (s-ro de Waard, Rotterdam), Esp.-gramatiko (s-ro L. Friis, Danlando), Esp.-historio (f-ino M. Noll, Kopenhago) kaj Esp.-konversacio kaj prelegoj pri Esp.aferoj (f-ino M. Saxl, Berlin).

*La prepara kurso* okazos de 31.7—7.8 kaj denove de 7.8.—14.8. Ĝi ampleksos tri partojn a.) por Cseh-metodaj geinstruistoj, b.) por gvidantoj de daŭrigaj kaj perfektigaj kursoj — kaj c.) por gvidantoj de infankursoj laŭ Cseh-metodo. Tiujn kursojn gvidos la eminenta kaj en tuta Esperantujo konata pedagogino f-ino M. Saxl. Krome en tiu kurso estos prelegata pri Esp.-literaturo, Esp.-historio kaj Esp.-gramatiko.

De la 7.8.—14.8. okazos ankaŭ *Internacia Feria Semajno Esperantista*. Ĝin povos ĉeesti ĉiu ajn, kiu deziras pasigi sian ferion inter diversnaciaj samideanoj en belega loko kaj aŭskulti interesajn prelegojn pri diversaj Esp. temoj de diversnaciaj eminentuloj: f-ino Saxl, f-ino Noll, s-ro de Waard, rektoro Sam Jansson, Stockholm, LK'ano Poul Neergraad, ktp.

Ĉiuj partoprenantoj loĝos kaj manĝos en La Internacia Altlernejo. La plena pensiono kaj la partopreno en unu el la kursoj kostos entute nur 45,— dan. kronojn aŭ 18 fl. Pro la malalta dana monkurzo tio estas eksterordinare malmultekosta.

Estimataj gelegantoj, utiligu do ĉi tiun eksterordinare favoran okazon por pasigi tre malmultekostan ferion en la plej bela parto de Danlando en interncia rondo da gesamideanoj, ĉu por lerni la sukcesplenan Cseh-metodon, ĉu por perfektiĝi en nia lingvo, ĉu por aŭskulti interesajn Esp.-prelegojn. Ankaŭ ne-kursanoj povos pasigi sian ferion tie dum la kurstempo.

Detala prospekto kaj informoj estas haveblaj ĉe

S-ro L. FRIIS,
sekretario de Dana Esp.-Instituto,
Thyrasvej 15,
AABYHOJ, Danlando.



# La laborkomitato siigas :

1. Je nia granda bedaŭro ĝis nun, ankoraŭ ne ĉiuj pagis sian kotizon por la nuna jaro. Vere, gekolegoj, vi treege plimalfaciligas nian laboron per via malakuarateco. Vi rimarkas, ke ni faras nian eblon, kontentigi ĉiujn legantojn de nia revuo, sed ni nepre ne povos daŭrigi, se vi ne helpos nin. Kaj la plej eta kunlaboro ja estas : *ĝustatempe pagi la kotizon.* Helpu do, kaj ne plu prokrastu, se vi ŝatas nian asocion.

2. La nuna numero estas 32 paĝa Ĉu vi ŝatas tian aranĝon ? Se jes, montru ĝin al viaj konatoj. Varbu por via asocio : tio signifas varbadon por grava flanko de nia por-esperanta movado. Ne malatentu nian devizon : *Esperanto en la lernejon tutmondan.*

3. Ni planas kelkajn *tre interesajn aranĝojn.* Esperebie ni jam povos ion komuniki pri tiuj en nia venonta numero, kiu aperos en la fino de junio, aŭ komence de julio.

4. Ĉu neniu el vi povos ion fari por nia *turisma paĝo ?* Tio valoras la penon ! !

5. Ni esprimas nian koregan dankon al ĉiuj helpantoj kaj kunlaborantoj de la sveda numero. Al la aŭtoroj, profesoro Nat. Beckman, rektoro Harald Alm, direktoro Karl Nygren kaj sinjorino Stina Palmborg, al la artisto Göran Skarman, kiu aperigas en ĉi-tiu numero originalan desegnaĵon kaj originalan lignogravuron, plibeligante per tio nian revuon, kaj al la Sveda Trafikasocio, kiu havigis al ni kvar belegajn bildojn el Svedlando kaj ankaŭ plifaciligis la sendadon de la kliŝoj.

**Nederlandanoj,** atentu la **T. A. G. E. karavanon** legu la koncernan artikolon en ĉi tiu numero. —

En aŭgusto en Tokio okazos kongreso de New Education Fellowship kaj se partoprenontoj-esperantistoj anoncos sian viziton al Tokio al mi, mi prizorgos ilian restadon.

Adreso: YOSHI H. ISHIGURO.
Daita II-784, Setagaya. TOKIO (Japan)
(reprezentanto de T.A.G.E.)

Mi deziras korespondadi kun gesamideanoj de ĉiuj landoj pri aktualaj kaj samprofesiaj temoj. Nepre respondos esperante, ruse, germane aŭ france.

Adreso: Nikola Vasilev. TROJAN. Bulgarujo.

**TUTMONDA adresaro de korespondantoj kaj kolektantoj „POLYGLOT",** aperas ĉiumonate kaj enhavas adresojn el diversaj regionoj de la mondo. Petu tuj senpagan provnumeron! Eldonanto: S-ro V. A. Jarolimek, Praha XIII. Strašnice 985, Ĉeĥoslovakujo.

# Bv. tondi laŭ ĉi tiu linio kaj forsendi presaĵe :




T.A.G.E. laboras por disvastigi inter la tutmonda geinstruistaro la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu, ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj, donos al la gekolegoj de malsamaj nacioj la EBLON kompreniĝadi inter si, kiu povus esti enkondukata KIEL PACIGA LINGVO EN LA LERNEJO TUTMONDA.

## Por atingi tion, T.A.G.E. :

1. eldonas la Internacian Pedagogian Revuon. (artikoloj pri internacia scienca pedagogio, kongresoj kaj laboroj de instr.-unuiĝoj, lernejoj kaj instruistaro en la diversaj landoj).
2. peradas la korespondadon inter instruistoj kaj lernantoj.
3. aranĝas kursojn por instruistoj kaj infanoj.

Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la nuna jaro?
Se ne, **ne plu prokrastu!** Sendu al la landa agento aŭ rekte al la administranto.

## Antaŭkongreso en Praha.

Prepara komitato ĵus konstituiĝis kaj invitas la samideanojn viziti la 5-an kaj 6-an de aŭgusto la ĉefurbon de Ĉeĥoslovaka respubliko. Rabato fervoja. Faciligoj loĝejaj. Senpaga vizito al multaj famkonataj vidindaĵoj de Praha. Gaja vesperaranĝo. Aliĝintoj ricevos bele ilustritan broŝuron pri Ĉeĥoslovakio (senpage). Neniu speciala kotizo. Simpla anonco sufiĉas. Sola peto: informu pri via aliĝo sufiĉe frue. Detalaj informoj ĉe la Prepara Komitato Fr. Slavik Praha XIX Uralské 9.

Konstatu, kion faras T.A.G.E. por vi! Kion vi faras por ĝi?
Propagandu kaj varbu energie inter viaj konatoj.

Mi aliĝas al T.A.G.E. por la jaro 19....
kaj pagis mian kotizon:
1. pere de via poŝtĉekkonto No. 90544 *)
2. al mia landa agento de T.A.G.E. *)
Mia adreso estas:

Nomo: **) ................

Strato: ................

Urbo: ................

Provinco: ................

Lando: ................

*) Forstreku unu al la du linioj. Skribu preslitere aŭ maŝine.
**) aldonu: S-ro. S-ino aŭ F-ino.

Presaĵo

Al S-ro.

P. KORTE,

Schoolstraat 13,

VEENDAM.

(Nederland).